# INTERNACIA ĴURNALISTO



En la haveno de Gibraltaro

# 4

**1966**

**SOFIA — BULGARIO**

# INTERNACIA

JARO X, SOFIA — BULGARIO
OKTOBRO—DECEMBRO 1966, № 4



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

**Nilo Kavenius**

## U. E. A. ATENDAS NIAN AKTIVECON

*Ĉiuj fakaj Esperanto-organizoj, inter ili ankaŭ TEĴA, havas sian gravan rolon en la tutmonda E.-movado. Konekse kun tio antaŭ nia jurnalista asocio staras, krom niaj pure profesiaj, ankaŭ iuj aliaj taskoj.*

*Nia unua devo estas kolekti sub nia flago ĉiujn ĵurnalistojn, parolantajn Esperanton. Dua nia devo estas helpi al ili en la organizado de eĉ organizi la internacian kunlaboradon sur profesia bazo inter ili.*

*Dum la lastaj jaroj tamen Universala Esperanto-Asocio jam komencis serĉi nian helpon kaj kunlaboron. Jen la sekretario de UEA, jen la Gazetara Servo kaj la Informa Fako de UEA petas niajn TEĴA-anojn por publikigo de iuj informoj, novaĵoj kaj artikoloj. Nun skribante tiujn ĉi miajn liniojn antaŭ miaj okuloj kuŝas sur mia skribotablo la cirkulera letero de la ĝenerala sekretario de UEA G. Becker (Let. 76/1966), adresita al la „Membroj de TEĴA".*

*Estas tute kompreneble, ke UEA atendas nian aktivan helpon precipe en la informa agado. Ni ja laboras en aŭ kunlaboras al redakcioj, ni havas intimajn kontaktojn kun lokaj redakcioj kaj ĵurnalistoj. Do, ni plej rezulte povas peri la sendatajn de UEA materialojn, ol ĉiuj aliaj s-anoj. Ni ja bone scias kiel malfacile iuj redakcioj akceptas peresperantajn tradukitajn materialojn. Estus tre ege scii, kiom da TEĴA-anoj estas aktivaj kunlaborantoj de UEA, al ĝiaj Gazetara kaj Informa Servoj. Kelkfoje sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto" aperis alvoko al tia kunlaborado. Ŝajnas al mi, ke ne multaj niaj membroj helpas kaj kunlaboras al UEA.*

*UEA bezonas nian kunagadon kaj ofte petas tian. La petitaj helpoj estas nek malfacilaj, nek postulas grandan temporabon aŭ energion.*

*Niaj kolegoj ne devas stari flanke de tiu kunlaboro. Ni anoncu tuj niajn adresojn al la Centro de UEA kaj nian ardan deziron kunhelpi. Ja tio estas unu el niaj devoj. UEA atendas nian kunlaboron. Ni volonte donu ĝin.*

La estraro de T. E. Ĵ. A. kaj la Redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" varme salutas ĉiujn membrojn de la Asocio kaj legantojn de nia organo okaze de la Novjaraj festoj.

## La unua monumento al Taneev

La 11-an de Septembro 1966 estis granda festo en vilaĝo Djutkovo, ĉe la apudmoskva urbeto Zvenigorod.

Tiun tagon de ĉiuj flankoj laŭ vojoj kaj pontetoj fluis strioj da popolo el najbaraj vilaĝoj, kie estas multaj apudmoskvaj ripozejoj kaj sanatorioj, same venis gastoj el Zvenigorod kaj Moskvo. Ĉiuj sin direktas al la popola muzeo, organizita ĉi tie antaŭ kvar jaroj honore al tri grandaj rusaj artistoj: komponisto Taneev, pentristo Levitan, verkisto Ĉeĥov. Ĉiuj ili kreis ĉi tie. Kaj Taneev vivis ĉi tie ĝis sia morto en 1915. Antaŭ la muzeo staras monumento kun surtegita ŝtofo. Sur la postamento orliteras la faksimilo „Taneev". La monumenton kreis Odesa skulptisto Nikolao Blajkov. Tiel li omaĝis la eminentan muzikiston kaj esperantiston. Do estas kontribuo de l'esperantisto al memoro de l'esperantisto. Diversaj organizaĵoj honorigis la eventon per florkronoj. Tiel ili akcentas la famon de l'homo kies nomon oni estas eternigontaj. Venis muzikistoj el Moskva konservatorio, aperis armeo da kinokameristoj kaj fotistoj, ĉiamuloj de ĉiuj eventoj.

Je la kvara horo posttagmeze la prezidanto de l'Zvenigoroda urba Soveto B. V. Tiĥomirov malfermis la solenmitingon, dediĉitan al la inaŭguro.

K. J. Davidova — la nepa-nevino de P. I. Ĉajkovskij—direktorino de Ĉajkovskij-muzeo en la urbeto Klin—esprimis sian ĝojon pri la evento kaj notis ke la kreita de N. V. Bkajkov monumento estas la unua en la mondo monumento al S. I. Taneev. Ŝi notis, ke Taneev estis la plej talenta kaj la plej ŝatata lernanto kaj disĉiplo de Ĉajkovskij, substrekis la intiman kunlaboron de l'ambaŭ muzikistoj.

La reprezentanto de l'junulara klubo „Patrio" Pavlov esprimis sian altan kontenton pri tiom valora iniciato de l'loka loĝantaro kaj de la direktoro de la muzeo—kamarado P. F. Kolesov, kiuj faris gravan kontribuon por omaĝi la eminentan patrioton kaj komponiston.

La lasta oratoro estis la knabo Saŝa Trusov el Savina Meza Lernejo.

Tiam la prezidanto prezentis arenon al la muzikistoj. La ŝtofo estis forigita, la ĉeestintoj, kiuj alportis florojn, metis ilin al la monumento. La monumento ekpitoreskis el la florĉirkaŭo. Kaj la muzikistoj plenumis kelkajn verkojn: Temon kun variaĵoj el la Tria kvarteto de Taneev, Nokturnon el la Dua kvarteto de Borodin, Skercon el la Unua kvarteto-kantabile de Ĉajkovskij.

La signifo de l'evento estas tre granda ĉar ĉi tie kunfandiĝas tre firme du gravaj aspektoj aŭ strioj — ĝeneral-popola valoro kaj pure esperantista.

N. Danovskij

---



**NIAJ AKTIVULOJ**

La vicpezidanto de TEĴA Niilo Kavenius, el Turku Finnlando, fervore laboras en la pacmovado. Sur la bildo :-s-ano Kavenius kun gruneto da Sudvjetnamaj patriotoj.

## DUDEK MIL KILOMETROJN MARVOJAĜO

### (Vojaĝpriskribo)

Ankoraŭ mi ne ripozis bone de la vojaĝo al Budapeŝto k j la Balatona lago en Hungario okaze de la 51-a Universala Kongreso de Esperanto, kaj revene-al Novi Sad kaj Belgrado en Jugoslavio kaj subite mi devis enŝipiĝi por longa marvojaĝo kun la motorŝipo „Veliko Tjrnovo". Per la ŝipo nia kvaropa esperantista grupeto devis tranaĝi kelkajn marojn — la Nigran m ron, la Marmaran Egean kaj Mediteranean marojn — oriente kaj sube de Eŭropo — kaj la Atlantikan oceanon kaj Nordan maron-okcidente de Eŭropo. Dum la vojaĝo ni devis atingi Hamburgon en Okcidenta Germanio kaj ire-revene halti en kelkaj havenurboj de Eŭropo inter kiuj Londono, Roterdamo, Antverpeno k. a.

La ekskurso aspektis bonega kaj interesa, tial mi senhezite decidis partopreni ĝin. En la unuaj tagoj de septembro la ŝipo forlasis la bulgaran havenurbon Burgas je la 22-a horo. Ni adiaŭis la brilantajn lumgirlandojn de Burgas, la patrolandan bordon kaj enlitiĝis, bondezirante reciproke unu al alia agrablan vojaĝon kaj sukcesan revenon. Vere agrabla estas la marvojaĝo, kiam la vetero estas bona kaj la marotrankvila. Feliĉe, ni ĝuis multajn similajn vojaĝtagojn. Sed estis ankaŭ aliaj—malfavoraj, eĉ danĝeregaj tagoj, dum kiuj ni apenaŭ ne pereis. . .

Nigra maro ofte estas perfi lminaca al la maristoj. Tia nome okazis la n kto de nia ekvojaĝo. Noktomeze la maro fariĝis malkvieta kaj forte ondiĝanta. La marmalsano obsedis la plimulton el la pasaĝeroj. Iuj vomis, suferis. Mi leviĝis frumatene antaŭ la tagiĝo kaj vekis miajn kunvojaĝantojn-mian fratinon Petruna kaj la geedzan paron Kiril kaj Bonka Andreeva — miaj malnovaj amikoj. Mi deziris kvietigi ilin. Krome, antaŭ ni estas rimarkindaj vidindaĵoj-ni komencis eniri en la markolon Bosforo. Tie ĉi la akvo estis glata.

### BOSFORO KAJ ISTAMBULO

La markolo prezentis antaŭ niaj okuloj mirindajn panoramojn! Ambaŭflanke sur la bordoj oni vidas montojn, arbarojn, vilaojn kaj palacojn de riĉuloj, hotelojn, malnovajn kaj modernajn konstruaĵojn. Dekstre kaj maldekstre ĝis Marmara maro belaspektas malnova kaj nova terasforma Istambulo kun siaj me



Gibraltaro: la roka duoninsulo, la urbo, la haveno kaj antaŭe — la flughavena dromo.

zepokaj muroj, kasteloj, 481 moskeoj kaj kelkaj preĝejoj. Jen la pitoreska „Ora korno", dekstre — la impona preĝejo kvarminareta „Sankta Sofia" — nun muzeo. Ne malproksime de ĝi estas la granda sesminareta moskeo „Sultanahmet" aŭ „La Blua moskeo". Apude estas la „Topkapa serajlo" (palaco) de la iamaj turkaj sultanoj. Navigante inter dekoj da grandaj kaj malgrandaj ŝipoj, barkoj, militŝipoj (eĉ unu granda usona aviadilŝipo) nia ŝipo forlasis la „Bosforon" kaj Istambulon kaj eniris en la trankvilan Marmaran maron. Post tio ni trapasis la pli larĝan ol „Bosforo" markolon „Dardaneloj", la plenan je grekaj insuloj Egean maron kaj jen nerimarkite ni eniris la Mediteraneon. Preterpasinte la plej sudan parton de Peloponeso (Greklando) nia ŝipo orientiĝis al okcidenta direkto.

Ĝis nun la trapasitaj tagoj estis bonaj kaj la maro kvieta. Sur la ŝipo ni faris sunbanojn, ni kantis kaj amizis nin kun la maristoj. Ĉiusemajne oni rigardis po du-tri eĉ po kvar filmojn, la marista nutraĵo, bonkvalita kaj abunda, satigis nin, la riĉa ŝipbiblioteko disponigis al ĉiuj interesajn librojn. Tagoj kaj noktoj pasis, sed ni ne enuis, ĉiutage oni havis ian laboron, okupon aŭ distraĵojn. Ni rigardis ĝis nun la montajn malriĉajn insulojn kaj bordojn de Grekio.

Ni direktiĝis sub Itala boto al la granda insulo Sicilio. Tie ĉi-sub Jonika maro-troviĝas la danĝera „Malgranda Baskio", simila laŭ danĝereco al la Baskia golfo kaj pro tio nomita tiel. Sed nun ĝi estis bona — la mardio Neptuno estis favora al ni. Ofte ni naĝas ne vidante ian ajn bordon. En alia salono ni rigardas italan televidon. La ŝipo preterpasis Sicilion kaj ekiris al la afrika marbordo. Tie ĉi la maro koleriĝis, la ŝipo-balanciĝis kaj la vojaĝantoj-ne ĉiujree malsaniĝis. En mia kajuto ĉio tremas kaj lulas sin, paperoj flugas, boteloj sur la planko ruliĝas. Mia kajuto ne estas malgranda: en ĝi estas lito, kuŝsofo, tablo, lavujo, tri elektrolampoj, ventolilo radio-laŭtparolilo, granda vestoŝranko, paperŝranko, seĝo kaj ĉio necesa por vojaĝanto. Kaj ĉio estas najlita al la planko kaj muroj por ne fali dum marondiĝo. Tra la du fenestroj oni rigardas al la senfina marebenaĵo.

Kaj jen — la Afrika bordo vidiĝis. Unue la Tuniziaj kaj poste la Alĝeriaj montoj. Ni pasas proksime kaj oni vidas urbojn, apudmarajn montajn vilaĝojn arabajn. Kelkajn tagojn ni naĝis proksime de la norda afrika bordo. Kiel longa estas la lumbrilanta urbo Alĝero! Kaj poste- montriĝis la Maroka bordo. Venis telegrafa malagrabla novaĵo-ni ne vizitos Lisabonon — la ĉefurbon de Portugalio, kiel estis planite. Anstataŭ tie ni devas albordiĝi en urbo Gibraltaro Ĉiuj ni restis malkontentaj-kiam ni havos okazon alifoje viziti la ĉefurbon de Portugalio? Kion fari?. Tamen ni ne devis ofendiĝi, ĉar ankaŭ Gibraltaro estas tre interesa urbo, haveno kaj rokfortikaĵo.

## LA FORTIKAĴO GIBRALTARO

Pri ĝi de tempo al tempo oni skribas kaj parolas Ankaŭ lastatempe-ĉar generalo Franko — la hispana diktatoro-decidis repreni ĝin de Anglio kiel malnovan hispanan posedaĵon. Tiuj du ŝtatoj interkerelas pro la fortikojo delonge kaj nun eĉ oni starigis la decidon de la demando antaŭ UNO.

Ankoraŭ ne mateniĝis kiam nia ŝipo alproksimiĝis al la longe atendata roka duoninsulo. De antaŭe ĝi brilis per siaj diverskoloraj lumoj de elektrolampoj, neonaj reklamoj, lumturoj kaj reflektiloj. Dorse de nia ŝipo-ne malproksime estas Afriko kaj ni vidis la tremante brilantajn lumojn de la marokaj urboj apudmaraj. Kiam ni atingis la duoninsulon 'jam mateniĝis kaj rigardante ĝin de flanke ĝi aspektis kiel granda triĝiba kamelo, ligita kun la granda Pirinea duoninsulo per malalta kaj mallarĝa terstrio. Venis al ni angla piloto — ŝipgvidisto — kiu kondukis la ŝipon al la gibraltara haveno, kie ni alkajiĝis.

La Gibraltara roka insulo situas ĉe la elirejo el Mediteraneo al Atlantiko, iom antaŭ la kontraŭstarantaj afrika (maroka) kaj eŭropa (hispana) marbordoj. Ĝi jam 262 jarojn estas „la pomo de malpaco" inter Hispanio kaj Anglio. Dum la XV jarcento la hispanoj reprenis ĝin de la araboj kaj poste-dum la „Milito por la hispana heredaĵo" — en la komenco de la XIII jarcento (1704 j.) — la angloj konkeris ĝin. Per la kontrakto de Utrehto en 1713 Anglio sukcesis firmigi sian regpovon super la urbo-fortikaĵo. La angla admiralejo transformis la triĝiban altan rokon en veran, danĝeran, nealmiliteblan militfortikaĵon, kontrolantan la elir- kaj enirpordon inter Mediteraneo kaj Atlantiko. Iam la angloj posedis „la ŝlosilojn de Mediteraneo" (la Sueca kaj Gibraltaraj markoloj, la militbazoj en la insuloj Malta kaj Cipro, en Aden ktp.) El tiu Sistemo forfalis jam Sueco, Cipro kaj Aden batalas por neniigo de la anglaj militbazoj. Kaj fine post la konkordo inter Usono kaj Franko (1953), per kiu la usonaj militaristoj konstruis multajn aviadilajn, raketajn kaj ŝipajn bazojn en Hispanio, la militsignifo kaj potenco de la Gibraltara fortikaĵo tre malvaloriĝis.

Por eniri en la urbon estas necesaj diversaj kontrolaj kaj doganformalaĵoj kaj deklaroj. Ni ne rajtas importi cigaretojn, alkoholaĵon, kafon k. a. Oni donis al ĉiuj maristoj specialajn enirpermesilojn. La urbo kaj la fortikaĵo estas ĉirkaŭbaritaj per dikaj ne tro altaj muroj kun pafembrazuroj. Tra dika kelkmetra pordejo ni eniris la urbeton. En la duoninsulo loĝas ĉirkaŭ 25 000 da komercistoj, oficistoj, dokistoj, ŝarĝportistoj, metiistoj ktp. Kompreneble, la militaj defendistalaĵoj estas kaŝitaj en la rokoj. Malantaŭ la duoninsulo estas konstruitaj la longaj dromoj de la milita flughaveno kaj apude dekoj da benzincisternoj. Tie ĉi apude estas la landlimo kaj la urbetoj hispanaj La Linea kaj Alheziras.

La domkonstruaĵoj ne estas tro altaj, la stratoj-tute mallarĝaj, kurbaj, eĉ la ĉefa strato- la komerca-estas tia. Du aŭtomobiloj malfacile preterpasas ĝin renkonte. Abmaŭflanke sur la ĉefa strato oni vidas plejparte ne grandajn kaj tute malgrandajn magazenojn kaj butikojn, kies posedantoj aŭ vendistoj afable invitas vin ankoraŭ sur la strato kaj disponigas al vi ĉiujn necesajn varojn je nefiksitaj prezoj. Kaj tiam komencas la marĉandtraktado: li postulas dudek ŝilingojn, vi donas kvin, li reduktas kvin ŝilingojn, vi aldonas unu. Kaj kiam vi diras d e k kaj li ne konsentas, vi ekiras al la strato, tiam li kuras post vi kaj konsentas dirante ke li nenion gajnas, ke li reduktas tiom multe nur por vi ĉar vi plaĉas (ŝajne) al li (kvankam vi renkontiĝas por unua fojo), ke li deziras gajni vin kiel konstantan klienton (kvankam li scias, ke vi neniam vizitos Gibraltaron alifoje) ktp. Rimarkinde estas, ke ĉiu vendisto konas multajn lingvojn: anglan, hispanan, francan, araban, germanan, grekan, eĉ oni ellernis slavajn: serban, bulgaran, rusan sed ne bone. Vere, nenie, aŭ tute malofte, oni vendas la varojn je tiaj malaltaj prezoj — unue ĉar ili estas ne tiom bonkvalitaj kaj due-ĉar tie ĉi estas „libera haveno" kaj oni vendas precipe sen doganimpostoj. Krome usonaj kaj aliaj maristoj ofte kontrabandas diversajn varojn. Tial ĉiuj maristoj strebas veni tien ĉi.

Babilante kun iu gibraltarano mi ŝerce damandis,

ĝis kiam la angloj superregos la urbon — fortikaĵon. Mi ekmiris kiam li respondis:

— Ĝis kiam tie ĉi vivos simioj, ĝis tiam estos ankaŭ angloj.

— Sed tio verŝajne estas ŝerco? — demandis ree mi.

— Ne estas ŝerco, sed estas historа vero. Estas fabelo, ke la angloj restos tie ĉi ĝis kiam ekzistos simioj. Ja vi scias, ke estas aliaj faktoroj, kiuj forpelos la anglojn.

Poste mi eksciis, ke en Eŭropo nur tie ĉi loĝas de jarcentoj sur la rokoj en libera kondiĉo simioj, kiujn la anglaj militistoj prizorgas — por ĉiu simio oni disponigas ĉiutage kvar cendojn por nutrado; ke la malsaniĝintajn bestojn oni transportas en Anglion por kuracado.

Nia ŝipo aĉetis petrolaĵojn kaj posttagmeze forlasis la faman anglan fortikaĵon. Ni sopiris revene ree viziti ĝin. Sed tio ne okazis. Ni trapasis la markolon kaj eniris la Atlantikon akompanataj de aro da delfenoj, plonĝantaj kaj ĵetmergantaj sin ĉirkaŭe en la oceano. Nin feliĉe akompanis ankaŭ bona, suna vetero kaj kvieta Atlantiko. Preterirante Hispanion, Portugation kaj denove Hispanion fine ni eknaĝis en la danĝereda por la maristoj Baskia golfo, la tiel nomita „Granda Baskio". Ĝi-kiel oni asertas-estas tombejo por ŝipoj kaj maristoj. Tie ĉi ofte furiozas minacigaj ventegoj kaj tajfunoj, kiuj dronigas ŝipojn.

## LA CEREMONIO DE SALA SANKTOLEADO

En tiu ĉi golfo ni havis feliĉon, la bona mardio Neptuno estis favora al ni nun. Eĉ okazis sur la ŝipo granda solenaĵo. Ni partoprenis la Ceremonion de la sala sanktoleado kaj baptado de oceanvojaĝantoj. Tion faris mem la ĉiopova, tutpotenca reganto de ĉiuj maroj kaj oceanoj—Neptun. Ĉiuj maristoj kaj pasaĝeroj solene renkontis lin sur la antaŭa ferdeko. Elirinte el la maraj profundaĵoj li venis al ni kun sia akompanantaro en solena procesio: li-kun ora krono surkape, longa blanka barbo, nuda-kun blankaj kalsonetoj kaj ruĝa tuniko kaj kun tridenta forkego enmane; lia diedzinopreskaŭ nuda, grandbrusta, kun reĝkrono surkape,



Oni sanktoleadas la aŭtoron

mallarĝaj mamteniloj kaj virinaj kalsonetoj, tenanta en siaj manoj pleto kun botelo da konjako kaj gladsetoj; ĉirkaŭe staras kelkaj mardiabloj (aŭ anĝeloj) — nigraj, forte tatuitaj kun ruĝaj, nigraj kaj aliaj linioj kaj makuloj, nudaj, portantaj nur paperrubandajn kalsonojn.

Neptun bonvenigis nin — la nesanktoleitajn maristojn — en lia regno kaj deklaris, ke ĉiuj maristoj kiuj por unua fojo naĝas en oceano kaj speciale en Baskia golfo devas esti sanktoleitaj kaj inicitaj en la marista afero. (Ordinare tion oni faras kun navigantoj, kiuj por la unua fojo trairas la ekvatoron). Ĉiuj novuloj sinsekve sidas sur seĝon, unu el la mardiabloj per granda murŝmirista broso ŝmiras kun sapŝaŭmo la vizaĝon, la tutan kapon de la sidanto kaj per unumetra razilo razas liajn vizaĝon kaj barbon. Poste per la granda ŝipa kaŭĉuka akvotubo la diabloj lavas aŭ pli bone banas la baptaton malsekiginte lin ĝis haŭte. La Neptunedzino regalas lin per glaso da konjako kaj Neptuno solene transdonas la specialan Atestilon—Proklamon:

**Proklamo**

**al ĉiuj sirenoj, maraj** drakoj, ŝarkoj, delfenoj, fiŝoj, kankroj kaj aliaj loĝantoj de mia regno.

Nia Moŝto Neptuno la Granda, Dio de ĉiuj oceanoj kaj maroj, supera ĉefestro de la subakva regno kaj protektanto de la marvojaĝantoj, ni deklaras ke

Petro Todorov Borov (la nomo de la baptatomia rim.) por la unua fojo alpaŝanta en la oceanaj akvoj de Niaj posedaĵoj, post la travivo de la Ceremonio de sala sanktoleado kun la tuta sia pompa majesteco estas baptita (nomita) per la alnomo kankro (aŭ rosmaro, fako, asterio, delfeno k. a. por ĉiu baptato-alnomo) kaj iniciĝas solene en la oceanaj profundoj.

Atlantiko (Baskia golfo)
22. 08. 1966

Lia Oceana Moŝto
**Neptuno**
(sigelita subskribo)

**Ankaŭ mi suferis similan solenan salan sanktoleadon.** Oni donis al mi la alnomon Delfeno, banis min kun solena marakvo ĝis ostoj. Fine la diabloj demandis min per kio mi regalos la marknabojn. Ĉiu baptito promesis vinon, bieron ktp. Mi promesis du litrojn da brando. Oni solene donis al ĉiuj la atestilojn. Sekvis festa tagmanĝo.

Post la eliro el la Baskia golfo ni alpaŝis al Lamanŝo, ofte renkontante kiel ordinare aliajn ŝipojn. Ni eniris en la markolon Padjo Kale (de Duvro) kaj sabate, la 24-an de septembro ni atingis la havenon de la franca urbo Kalais.

(Sekvas)
**Iv. Esperov**

## „EN LA 22-A JARO DE LA PACO"

Karaj Amikoj!

Dudek unu jarojn post la jaroj de la dua mondmilito, kiuj estis pli sangaj ol tiuj de ĉiuj antaŭaj mondkatastrofoj, tiel mi sentas, kaj devas ke ni ĉiuj tiel sentu: ĉiu jurnalisto vivanta en ĉia politika-socia ordo havas sola komunan celon, por kiu estas inde batali kaj oni ja devas por ĝi batali per plumo kaj vorto. Tiu ĉi celo estas- La Paco. Kaj malgraŭ niaj lingvaj kaj politikaj diversecoj grandioza ilo por ĝi povas esti la lingvo Esperanto. Tial mi petas vin, amikoj, bonvolu min helpi en kunmeto de serio de publicistaj deklaroj titolita „En la 22-a jaro de la Paco", kiun oni publikigos en 1967.

Karaj Amikoj!

Mi petas vin, en la venontaj monatoj bonvolu sendi al mia adreso raporton en amplekso de 50—80 tajpitaj linioj, kun kelkaj fotoj, kiuj parolas pri via vivo. Pri la vivceloj, ĝojoj kaj zorgoj de mezaj homoj. Pri tio, kion ili planas por 1967 kaj kion ili imagas pri la futuro. Ĉi tie sur la Tero kaj en la epoko de la ekposedo de la proksimaj planedoj, ekposedotaj en la signo de la Paco. Parolu pri tio, kio estas identa en la celoj de niaj popoloj, de ĉiuj popoloj de la mondo. Pri tio, kion signifas por vi la paco, kaj kion la popolamasoj perdus en milito.

La Paco estas kara, sed rompiĝema juvelo de ni ĉiuj. La morgaŭojn tamen ni ĉiuj konstruas sur tiu ĉi bazo. La celojn de Nordo kaj Sudo, de Oriento kaj Okcidento per poezia koncizo heroldas tiu ĉi sola vorto: Béke, Paco, Pax.

Mi ne povas promesi alian kompensaĵon, nur tiun mian grandan konvinkiĝon, ke la randevuo de niaj skribaĵoj plufirmigos la radar-ombrelon de la Paco super niaj popoloj, super nia Tero.

Amikoj!

Niaj skribaĵoj, la deziroj de niaj popoloj renkontiĝu ĉi tie, en Székesfehérvár, en la 22-a jaro de la Paco!

Mi atendas viajn skribaĵojn laŭeble en Esperanta lingvo. Mi atendas viajn karajn respondojn.

Mia adreso:
KÁTAY ANTAL—jurnalisto
Redaksió: Fejér megyei Hírlap
SZÉKESFEHÉRVÁR
HUNGARIO

Kun amika saluto:
**Antonio Kátay**

---

### NIA POŜTO

Stig P:ason-Löfberg, Norrahammar, Svedio. — Vian leteron ni bone ricevis kaj enlistigis vin kiel membron de TEĴA. La organon vi ricevados. La membrokotizon vi povas pagi al la estrarino de nia Asocio en Svedio: S-ino Karen Salmose, Dalgatan 3 A, Märsta, Stokholm. Glumarkon pri TEĴA ni ne havas.

Heribert Schiller, 6140 Bensheim, Poŝkesto 221, Germanio. En nia sekretariejo okazas ŝanĝoj kaj la aferoj plibonigos.

J. Ŝnejder, Ĥarkov, USSR. — Viaj tradukaĵoj estas interesaj, sed intertempe ili aperas en aliaj nacilingvaj gazetoj (ekz. bulgaraj) pro tio ili malnoviĝas. Dankon por ĉio.

Mag. fil. M. Zgorzewski, Worclaw 2, Skr, poczt. 22, Pollando. — La artikoloj jam ne aktualaj. Alifoje pli frue bv. sendi similajn. Vian mendon ni plenumos.

Al. Logvin, Moskva, USSR. — La adreso de Aleksandr Harkovskij: Frunzenskij val, 38 kv. 55, Moskva-I-48.

Emil Mayer, Krakovo, Pollando. — La kontribuaĵoj ne konvenas. Kontaktiĝu kun Uspienski, pli aktiviĝulin.

### ADRESŜANĜO

La adreso de la estrarino de TEĴA Karen Salmose: Dalgatan 3 A, Märsta, Stokholm, Svedio.

NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Redaktoro Stig P: son — Löfberg, Trädgardsgatan 8 A, Norrahammar, Svedio.

Red. Heribert Schiller, 614 Bensheim/Bergstr., Poŝtkesto 211, Germanio.

Alaksandr Ĥarkovskij, Frunzenskij val 38 kv. 55, Moskva I—48, USSR.

Angel Dimitrov, ул. „G. Dimitrov" 35, Mezdra, Bulgario.

### Informo

La Ĝenerala Konferenco de UNESKO, kiu finiĝis la 30-an de novembro 1966 en Parizo decidis rekomendi al la Ĝenerala Direktoro de UNESKO esplori la eblecojn dum la laborperiodo 1969—1970 per eksperta komisiono studi la bezonon kaj la eblecojn utiligi internacian lingvon apud la naciaj lingvoj por diversaj sferoj de la homa aktiveco. La demandon oficiale levis reprezentantoj de Danlando, Finnlando, Islando, Norvegio kaj Svedlando.



## NOVA ĴURNALISTA DOMO EN VARSOVIO

En la centro de la pola ĉefurbo oni konstruos grandan 33-etaĝan ĵurnalistan domon, kiu kun siaj aldonkonstruaĵoj ampleksos 34 000 kv. m. En ĝi okupos etaĝojn la redakcioj de la centraj gazetaro kaj presagentejoj ktp. Sur la bildo: maketo de la Pola ĵurnalista domo.

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

*Rotterdam — belaspekta turisma prospekto-faldfolio, bone ilustrita. Eldonita de turisma oficejo okaze de la 60-a jubileo de la roterdama E. s-to „Merkurio". Liveras: V. V. V., Standhuisplein 19, Rotterdam-1, Nederlando*

*Indaj gefiloj de Lao-popolo. — Eldonejo Neo Lao Haksat, 1966. Enhvas 7 interesajn rakontojn pri militheroaĵoj de laosaj batalantoj. Paĝoj 100.*

*Tagkajero en prizono — poemaro de Ho Chi Minh, tradukis Dao Anh Kha, 106 paĝoj. Eldonejo Fremdlingva, Hanojo, 1966.*

*Karlovy Vary, Landmapo, Informa poŝlibro — tri apartaj eldonaĵoj por gastoj de la fama banurbo ĉehoslovaka. Ilustritaj.*

## Sciigoj

### Internacia Renkontiĝo dum la foiro en Leipzig

Esperantistoj vizitontaj la printempan foiron 1967, sabaton vespere, la 11-an de marto, havos okazon en Leipzig esti en rondo de esperantistoj.

Por detalaj informoj oni skribu al: Esperanto-amikoj en la Germana Kulturligo, GDR 701 Leipzig, Käthe-Kollwitz-Strato 125.

Nia Humoro



Sen vortoj

**Redaktoro: Ivan Keremidĉiev Esperov, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 3—34—04**